AE208

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 14/03/2015 Ducent oka eldono 14/03/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Nicole Else**



SENDATA AL 275 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

**Brunaj literoj signifas reuzatan sed gravan informon** **ABC malnova**

Nigraj literoj signifas novan aŭ ĝisnunigitan informon **ABC nova**

Ctrl+alklaku la verdajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Esperantajn ligojn

Ctrl+alklaku la bluajn lokojn, aŭskultu, rigardu la Anglajn ligojn

**Pasintaj numeroj de 'A E'** http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

**Esperanto-ŝlosilo** Uzu, fordonu, semu Esperanto-semojn. EFNSK havas kopiojn.

Du pecoj de A4 papero bezonataj por presi la 32-paĝan libreton http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo



**Estontaj kompetentaj Esperantistoj**

**aŭskultas la retradion (Esperantujo) ĉiun tagon**

**http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine**

**Metu la adreson en viajn preferatajn programojn kaj tage Klaku, Aŭskultu, Spertiĝu**

# 62. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## LA PREPOZICIOJ. F.



Ni vidis, ke la prepozicio ofte alikategoriiĝas, eĉ uzatas kun afiksoj. La verba uzo de prepozicioj, ne konata en etnaj lingvoj, montras la riĉecon de la Esperanta vortpluformado. Ni devas tamen konscii, ke tia vortpluformado devas okazi strikte laŭ la lingvaj reguloj. Tio aplikiĝas speciale al la verbigo, ĉar ni ne povas lerni el ekzemploj de la etnaj aglutinaj lingvoj, kie tia verbigo ne ekzistas.

La precipa regulo obeenda estas, ke la verbigita prepozicio havas, pro sia verba karaktero, ĉiam la antaŭvenantan substantivon (aŭ infinitivon) kiel sian subjekton, kaj la substantivon kiu sekvas kiel sian (rektan) objekton. Do ĉiam!!! Ekz"Mia donaco por mia patrino" fariĝas "Mia donaco poras (= estas por) mian patrinon". Ne inverse! Jen kelkaj aliaj ekzemploj: La

dormĉambroj superas la loĝĉambron. Altruismo superas egoismon. Li ĉiam ĉeas sian malsanan edzinon. La vojo laŭas la riveron. Tiu biciklo deas mian fraton. Ili nun kunas. La parko ĉirkaŭas la preĝejon. La kanalo ĝisas tiun urbeton. La akcidento prois ekbremsadon. La rivero traas la tutan landon.

Marcel Leereveld.

**Sendu viajn fejsbukajn Esperanto-novaĵojn ankaŭ al la Novaĵletero.**



## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo

La ĉefa rolo de la Gastdormejo estas helpi la anojn de EFNSK ĉeesti EFNSKajn kunvenojn, per eventuala dumnokta dormloko ĉe ED post aŭ antaŭ la kunvenoj. La **GASTDORMEJO** de EFNSK devas esti antaŭmendita de estontaj Esperantistaj gastoj. Neniuj Esperantistoj loĝas tie aŭ proksime por helpi gastojn.
Se eble antaŭmendu almenaŭ 2 semajnojn antaŭe. Tio helpas nin prepari la gastdormejon.
Sendu ĉiujn petojn por resti ĉe la gastdormejo al la Sekretario per retmesaĝoj al:
gymea@hotmail.com; rspring@tpg.com.au; **kaj** nsw@esperanto.org.au;
Kiah Morante aranĝis tranokti de la 4a ĝis 18a de Marto.

# Esperanto-Domo Sidnejo

La 5an de aprilo 2015 okazos la venonta kunveno



La Bonveniga Enirejo
(La ruĝaj floroj kaŝas malnovajn ŝraŭbajn truojn en la muro)



La Korto




La Strata Panoramo

Merkredon la 11an de Marto venis Roger Springer, Ian Wylles kaj Margaret Chaldecott.

Ili laboris farante necesajn taskojn ĉe ED.

La„outreach and education sub-committee” havis sian unuan kunvenon la 11an de Marto. Du membroj ne povis veni. Ni elektis Gerry kiel la prezidanton kaj interalie laboris pri la leciona informilo kaj lecionoj. Pro manko de informoj la ‚O kaj E‘ komitato rekunvenos la 18an de Marto, por fini tiun taskon.

# La Germana Tago ĉe ED nuligita

Ĉar ne multaj homoj montris intereson pri Germana Tago, Rainer proponis (kaj mi subtenis) nuligi la eventon je la 14a de marto. Amike, Dmitrij

# Instruado en Whyalla



Whyalla estas provinca urbeto en Suda Aŭstralio kun loĝantaro de pli-malpli 20 000. Tie troviĝas filio de la Universitato de Sud-Aŭstralio, kaj ene de la universitato estas ĉambro dediĉita al la agado de U3A (Universitato de la Tria Aĝo; temas pri pensiuloj, kiuj deziras lerni ion novan). Dank' al pionira laboro de Paul Desailly estiĝis Esperanto-grupo en U3A, negranda, sed kun solida kerno da lernemaj homoj.

En la lasta semajno de februaro mi havis la plezuron instrui al tiu grupo, al kiu aliĝis la geedzoj Michael kaj Birgitta Carney. Do entute sep kursanoj. La ekzercoj estis tre variaj: foje mi simple rakontis en Esperanto; foje temis pri gramatikaĵoj; foje estis legaĵoj de ne tre simplaj tekstoj aŭ de ŝercaj teatraĵoj; ofte estis partneraj taskoj, kiuj postulis, ke oni parolu al la partnero por ricevi informojn; foje estis senprepara konversacio pri ĉiutagaj temoj; kaj ĉiutage la klasanoj duope verkis propran teatraĵon kaj prezentis ĝin al la ceteraj. Ĉiuj tre bone kunlaboris. Apartan dankon al Marja Nielsen, kiu organizis la semajnon.

Ni planas ripeti tiun aranĝon en la tria jarkvarono (en la dua estos la vintra lernejo de Esperanto en Sud-Aŭstralio, kaj certe estos homoj el Whyalla tie).

*Trevor Steele*

# "En la lando de kanguruoj".

Mi ĵus ricevis mesaĝon de Josip Pleadin kiu skribis:

“Vin certe interesos (same kiel aliajn aŭstraliajn esperantistojn, inkluzive tiujn kiuj mone subtenis la projekton) en kiu fazo estas la verko de Tibor Sekelj "En la lando de kanguruoj". Nia traduka teamo finis la traduklaboron, kaj nun la libro estas provlegata. Ankaŭ ĝi devus esti eldonita antaŭ la UK en Lillo.”

Amike, Nicole



Tibor Sekelj

# AEA Informas

Aŭstralia Esperanto-Asocio

ACN 121 495 789 C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

La venontaj Skype kunvenoj estos jaŭde 19/03, 09/04, 30/04, 21/05, 11/06, 02/07, 23/07

## Joanne Johns sukcesis kun honoro en la elementa ekzameno




mi petas vin meti en iun numeron de via bulteno la ĝojigan informon, ke Joanne Johns sukcesis kun honoro en la elementa ekzameno. Ni gratulas kaj esperas, ke Joanne plenumos sian evidentan potencialon kiel esperantistino.

Kore vin salutas, Trevor Steele

## Niaj Legantoj Komentas



1) Unu tagon mi venos al kunveno, kaj renkontos la grupon kiun mi konas nur per AE. Amike J.B.

★★★★

2) Mi rimarkis interesan artikolon pri dolĉaĵbakado. Profesia metio estis bone priskribita kaj mi ĝuis legi pri la problemo dum liverado de edziĝtorto al kliento. Amike S.K.

★★★★

## Estimataj membroj de edukado.net,

Ni informas vin, ke la jarraporto pri 2014 elŝuteblas jam en la DOSIERUJO.

Ni invitas vin legi ĝin kaj eventuale lasi komentojn.

http://edukado.net/biblioteko/dosierujo?iid=247

Por aktualigi vian membrecon ni petas vin ensaluti en la paĝaron en la proksimaj tagoj.

Se vi forgesis vian ensalutnomon aŭ pasvorton, en la ensalutpaĝo (http://edukado.net/ensaluti) eblas ĝin peti. Ne forgesu poste la aŭtomate generitan komplikan pasvorton ŝanĝi je por vi facile memorebla pasvorto. Tion vi povas fari en la paĝo MIA ANGULO, kie apud la fotokadro estas diversaj ebloj por modifi viajn datumojn kaj mendojn.

Ni petas tiujn, kiuj nun plurfoje ricevas tiun mesaĝon, ke ili kontrolu siajn kontojn kaj nuligu la superfluan. Tion eblas faris same en la paĝo MIA ANGULO.

Por esti informitaj pri la plej gravaj aferoj, ni konsilas al vi ĉe la ABONOJ mendi mesaĝan averton pri la novaĵoj.

Se vi deziras ludante kleriĝi pri niaj movado, kulturo kaj lingvo, nepre provu nian popularan ludon: RISKO. http://edukado.net/ludoj/risko

Bonvolu ne forgesi informi nin pri programoj, materialoj, agadoj kaj personoj, kiuj rilatas al instruado de Esperanto kaj dividi kun ni viajn spertojn kaj materialojn.
Plej gravus eble, ke vi raportu pri viaj kursoj kaj registru ilin en la KURSEJO por ke nia statistikaĵo estus laŭeble la plej aktuala. DANKON. http://edukado.net/kursejo
Ni atentigas vin aparte ankaŭ pri nia kampanjo trovi regulajn subtenantojn kaj stabiligi la financan situacion de la paĝaro.
Pri tio vi povas legi detale en la raporto, aŭ rekte en la koncerna paĝo: http://edukado.net/prie/subteno/regulaj.
Por ajna plia demando ne hezitu skribi al la redaktoro. (Serĉu la kontaktbutonon sube de ajna paĝo de la retejo).
Kun salutoj deziras al vi multe da ĝuo en la uzo de la retejo edukado.net
Katalin Kovats, redaktoro

# 22-an de Marto: Monda Tago de Akvo

## Celo: altiri ĉies atenton por la ega graveco de tia tute nemalhavebla likvaĵo.



Kiel elpaŝo al rekta kunlaboro por plenumi la peto-alvokon de Unuiĝintaj Nacioj, LBV-retejo diskonigas al Esperantujo verkaĵon, kiu temas pri la ĉiam pli kaj pli maltrankviliga problemo de manko de akvo en pluraj partoj de la mondo .

Do ni, teamanoj de Esperanto-fako de Legio de Bona Volo (LBV), kalkulas je via grava helpo por anonci tiun informon per via retlisto.

Tiu artikolo, de la verkisto Paiva Netto, estas legebla ĉe ***Pli da akvo, malpli da milito***
http://www.paivanetto.com/index.php/esp/artigo?cm=98816&cs=100&utm_source=Personal&utm_medium=email&utm_campaign=expansao
Ĉu la artikolo plaĉas al Vi, via komento estas tre bonvena.
Por nia zorga pripensado jen la eldiro de edukanto Paiva Netto:
***"Kiel ni uzadis akvon? (...) Krom klimataj faktoroj, kiujn, ekde la Industria Revolucio, ni plej forte influis en maniero kondamninda, kiel ni daŭre uzadas tiun altvaloran likvaĵon, esence gravan faktoron de vivo?".***
Kun antaŭa korplena danko kaj bondeziroj pri sukceso por viaj noblaj klopodoj, el la centra sidejo de LBV en San-Paŭlo, Brazilo,
Maria Aparecida da Silva
www.bonavolo.com Sendis Bob Felby

# Aplikado de Esperanto en la praktiko:

## KOOPERATIVO DE IKEF EN KOREIO




IKEF-Koreio

IKEF-K estas kooperativo, kiu organiziĝis por kunlaborigi diversajn firmaojn en Koreio. Oni lanĉis la kooperativon en la jaro 2014 pere de la praktika lingvo Esperanto, enkadre de la Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo, IKEF. La membroj intencas helpi unu la alian kaj labori kun enlandaj komercistoj kaj alilandaj esperantistoj, kiuj volas komerci per siaj varoj kaj produktaĵoj.
Retpaĝo de IKEF-K: http://www.amikeco.com/
Specimena paĝo pri vendaĵoj: http://kara123453.wix.com/ikef-k
------
**László.Szilvási Lingvo-Studio, L.S.** **www.eventoj.hu** (Sendis Margaret Chaldecott)

★★★★

## WINDOWS KAJ ESPERANTO - helpu!

Mia entrepreno **(Allsprachendienst Esperanto GmbH)** submetis al Microsoft proponon por enkonduko de Esperanto-subteno por la programoj Windows kaj Office, kaj mi petas nun, ke multaj uzantoj subtenu mian proponon, tiel ke Microsoft konsideru la aferon serioze.
Subtenu la proponon ĉe: http://office.uservoice.com/forums/285186-general/suggestions/7186982-esperanto-support-for-orthography-and-grammar-for

Bonvolu favore voĉdoni por la propono, ŝatigi la proponon, kaj samtempe bonvolu plivastigi mian supran mesaĝon al viaj esperantistaj konatoj.

Amike Dietrich Michael Weidmann didi@esperanto.ch

https://www.youtube.com/watch?v=omDdE3RKPj8 8-minuta angla komento „kial lerni Esperanton"
Charlotte Burton sendis nicole
Andy Nousen komentis " ege bone, mi ĝuis vian ĉarman kaj sciigan priskribon"





# La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabaton. 10 a.t.m.
Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo
Je la 7a de Marto venis Eunice, John, Chris, Roger, kaj Ian. La konversacio daŭris post 12.30ptm

| Lokaj Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu | Vidu |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | xxxx | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | xxxx | AE198 | AE199 | AE200 | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | AE206 | xxxx | xxxx |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | xxxx | AE185 | AE186 | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE206 | AE207 | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Nov-Sud-Kimrio | AE184 | AE185 | xxxx | AE187 | xxxx | AE189 | AE190 | AE191 | AE192 | AE193 | AE194 | AE195 | AE196 | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | AE202 | AE203 | AE204 | AE205 | AE206 | AE207 | AE208 |
| Esperanto en Sudaŭstralio | AE184 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Federacio de Viktorio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-Ligo de Okcident-Aŭstralio | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto-programo de 3ZZZ Aŭstralia | xxxx | xxxx | xxxx | AE187 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE192 | xxxx | xxxx | AE195 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Manlia Esperanto-Klubo | AE184 | AE185 | AE186 | xxxx | AE188 | xxxx | AE190 | xxxx | AE192 | xxxx | AE194 | xxxx | xxxx | AE197 | xxxx | xxxx | xxxx | AE201 | xxxx | xxxx | AE204 | xxxx | AE206 | xxxx | AE208 |
| Melburna Esperanto-Asocio | xxxx | xxxx | AE186 | xxxx | AE188 | AE189 | xxxx | AE191 | xxxx | xxxx | AE194 | xxxx | AE196 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Melburna "Meetup" Grupo | xxxx | AE185 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | AE202 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Klubo de Noumea (Nov Kaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | AE202 | AE203 | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | AE207 | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Brisbana Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Esperanto -Kafo-Klubo De Kanbero | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Tasmania Esperanta Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Toowoomba Esperanto-Societo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx | xxxx |

**"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au**

**Reklamu vian klubon - Sendu informon.**





La manĝoĉambro ĉe Esperanto-Domo
Venu al niaj kunvenoj.